# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

https://translate.google.com/

PLENUMITA 16/06/2016 Ducentsepdekkvara eldono 16/06/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)





Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**




**SENDATA AL 305.** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Estas pli ol **424,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

# 127. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## Fari vortojn. I.

Ekzistas ankaŭ la kazo, ke kunmetaĵoj praktike ne eblas, ree pro natura kaŭzo. Tio okazas, se unu el la elementoj estas pronomo. La kaŭzo estas, ke la pronomoj estas tiom malgrandaj, ke la kunmeto ne plu rekoneblus. Ekz. “La tablotuko” estas la tuko por la tablo, kaj la tuko por ili estas la “ilituko”, nerekonebla. Same “Ili de la maro” estus “La marili”, ree ne rekonebla. Tamen oni uzas kelkajn tiajn kunmetojn: siteno, ĉiopova, ŝiflanke (= sur la flanko de ŝi).

Alia kunmetaĵo, nome de substantivo kun sia adjektivo formante adjektivon (aŭ verbo kun sia adverbo formante adverbon) estas nur duone aglutina, ĉar mankas la signiferoj de specialeco kaj de prepozicio. Ekzemploj: ruĝroza, longtempa, ĝustotempe, bonŝance. Tiaj kunmetaĵoj tre malofte okazas en etnaj lingvoj (blauaxugig), sed pli en la angla (redeyed), kaj multe en Esperanto.

Kelkaj numeraloj estas aglutinaj kunmetoj: kvardek (= dek laŭ kvar, aŭ kvar dekoj); aliaj ne (dek-kvar = dek + kvar).

Fino de la serio “Fari vortojn”. Marcel Leereveld.

# Demando por Marcel



Dankon Marcel pro ciaj daŭraj vidpunktoj pri la gramatiko de Esperanto. Ĉu estus eble ke ci klarigu kiel uzi streketon en Esperanto kaj aparte kiam estas kaj ne estas oportune post ĉi Mi antaŭdankas cin, Franciska

# La malsata anaso



Iam, antaŭ multaj jaroj, la dana registaro estis sufiĉe freneza pensante ke tiuj, kiuj preferas pacon al milito, devas esti punataj per peza laboro en malproksima labortendaro 40 km. norde de Kopenhago.

Mi estas treege fiera, ke ankaŭ mi estis sendita tien. Mi alvenis iun malfruan vesperon kune kun malgranda grupo da pacpreferantoj. Nia donacema registaro pagis nian vojaĝon de Kopenhago ĝis ege malgrandega fervoja stacidometo proksime al la arbaro. De tie ni devis piediri kvar kilometrojn al tendaro konsistanta ne el tendoj sed el du lignaj barakoj.

Ĉar estis malfrua nokto ni tuj enlitiĝis kaj dormis sufice bone. Iu nekonato vekis nin en la mateno. Ni ellitiĝis, duŝis nin kaj iris en la alian barakon por bone manĝi bongustan matenmanĝaĵon.

Manĝante ni iom konatiĝis kun la jam tie loĝantaj pacamantoj. Post la manĝado ni ĉiuj eliris, ĉar nun ni devis komenci nian novan vivon kiel arbarlaboristoj. Ni, la novuloj, staris iom aparte atendante novajn sed necesajn informojn pri tio, kien iri. La arbaro estas granda, eĉ grandega.

Unu el la malnovuloj, fakte treege inteligenta, prenis lignopecon, per kiu li desegnis iome grandan anason sur la tero. Tiam li elprenis el sia poŝo kelkajn panpecojn, ŝtelitajn ĵus de sur la matenmanĝaĵa tablo kaj donis ilin al la anaso, ĉar, Kiel li diris: “ankaŭ anasoj devas vivi!”

Post tio ni ĉiuj eniris en la arbaron kaj ĝuis la kunestadon de la majeste aspektantaj cervoj ktp.



Tio, je nia amuzo, eĉ amuzego, okazis ĉiun tagon. Kompreneble necesis de tempo al tempo desegni novan malsatan anason, ĉar desegnita anaso en gruzo ne vivas longe. La tendarestro verkis longan leteron kaj sendis ĝin al la registaro en Kopenhago. Plurajn monatojn poste fine venis respondo, ke la kompatinda junulo, kiu ne havas dorlotbeston, devas iri konsulti psikiatron. Ne estis iuj psikiatroj en la plej proksima vilaĝo. Li do preskaŭ ĉiutage devis iri al Kopenhago je, espereble, grandaj kaj altaj elspezoj de la registaro.

Fine estis decidite, ke la kompatindulo estas freneza kaj devas esti sendita hejmen al Kopenhago por daŭrigi sian vivon laborante en unu el la multaj malpuregaj kaj bruegaj fifabrikaĉoj tie.

Post la matenmanĝado la lastan matenon, kiam li devis forlasi nin, ni staris ekster la matenmanĝadejo kaj adiaŭis lin. Li premis la manon de ni ĉiuj kaj kun sia ĉarma rideto adiaŭis nin.

“Ho, pardonu nin”, ni kriis. Ĉu vi ne forgesas vian anason?”

Forirante li kriegis al ni: “Ne, nun estas via vico manĝigi la anason!”

Skribis Bob Felby

# Vintrokursaro la 8-an fojon



La sudaŭstralianoj okazigis la 11-an kaj la 12-an de junio sian 8-an Vintrokursaron. La gastigantoj estis Gordon kaj Ann Coleman en la baza lernejo Sheidow Park en suda Adelajdo.

En tre bonaj kondiĉoj laboris tri grupoj kun instruistoj Sandor Horvath, Katja Steele kaj Trevor Steele. Okazis ankaŭ komputila sesio (gvidis Gordon Coleman), ludoj, individuaj prezentaĵoj, komuna kantado. La 14 homoj povis iri hejmen kontentaj.



Sendis Katja Steele

*Novaĵservo RET-INFO / Lingvo-Studio*

# "Heroldo de Esperanto"

### *HEROLDO ESTAS AĈETITA – ĜI RENASKIĜOS EN 2017*



HEROLDO DE ESPERANTO

LA PLEJ OFTA INTERNACIA GAZETO DE LA ESPERANTO-MOVADO

La domo de Zilbernik

Ĉinaj kuracistoj en Pollando

"Heroldo de Esperanto" estas unu el la plej malnovaj Esperanto-gazetoj. Dum la lastaj jaroj ĉe la nuna eldonanto ĝi ofte malfruis, havis multajn problemojn – sed nun aperis espero pri ĝia revigliĝo.

Fabricio Valle *(la antaŭa redaktoro de la revuo Esperanto)* kaj Paulo Lima, partneroj en la entrepreno "Sociala Grupo Lexus" en Brazilio, aĉetis la gazeton "Heroldo de Esperanto" kaj eldonos ĝin ekde la jarkolekto 2017.

La ĝisnuna eldonanto Kooperativo de Literatura Foiro *(membro de la pakto de G. Silfer)* respondecas ankoraŭ pri la tuta jarkolekto 2016. La vendo ne koncernas la rajtojn pri la libroj: la rajtoj restas ĉe LF-koop kaj IIC.

Informoj pri la planoj de Lexus rilate la gazeton, fonditan de Teo Jung, aperos regule ĉe la Facebook-paĝo de la nova eldononto: https://www.facebook.com/lexussociala/

*Fonto: Ret-Info, LS* Szilvasi Laszio



## 3ZZZ

En la elsendo de la 13a de junio eblas audi konsilojn pri sano kaj intervjuon de Stefan MacGill pri AMO seminarioj . Se vi ne scias kio estas AMO, auskultu Stefan.

La kunvokanto por la Esperanto grupo en 3ZZZ, Franciska Toubale

